# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

37a jaro Novembro–decembro 1985 N-ro 6






**Monda premiero ĉe la svisa Arth-Rigi-Fervojo**

La Arth-Rigi-Fervojo (montofervojo) funkciigis unuan vojaĝvagonon, en kiu eblas loki rulseĝojn, kaj tiamaniere certe kreis mondan premieron. Instigo al akiro de tiu-ĉi vagono estis pasintsomere grupo de dudek korpe handikapitaj turistoj, kiuj pro manko de spaco bezonis kvar veturojn. La nova vagono disponas pri diagonala lifto kaj grandaj fenestrofrontoj.
La bildo montras la vagonon en kiu trovas lokon 20 turistoj kun rulseĝoj.

El "Der Eisenbahner" n-ro 39/26.9.85

## REDAKTORA BABILO

Baldaŭ finiĝos la jaro 1985a laŭ la eŭropa kalendaro. Tiun jaron UN deklaris Internacia Junulara Jaro. Ĉiu el ni nun traserĉu korojn kaj renojn - aŭ kie okazas nia pensaktiveco - ĉu ni faris sufiĉon por altiri la junulojn al nia movado, vendi al ili nian varon, oferti al ili nian scion pri nediskuteblaj avantaĝoj? Se ne, ni bone povas daŭrigi, kvankam alvenos nova jaro.

La precipaj temoj de la jaro estis partopreno - disvolviĝo - paco. Per tio la transiro al 1986 estos facila, ĉar ĝin UN deklaris Jaro de Paco, temo kiun LKK de nia 38a ruze adoptis.

En jena numero de IF vi povas informiĝi pri la 38a IFEF-kongreso. Notu bone, ke okazis certa reduktiĝo de la loĝkostoj kompare al la antaŭe anoncitaj. Denova artikolo pri la fervojoj de Albanio estas legebla. La fermita, malfacile alirebla mondoparto ja ĉiam vekas ekstran interesiĝon.

Sed kompreneble ni ne ĉion traktu ĉi tie. Ni invitas vin al trafoliumo kaj tralego. Kaj se vi trovos ion tro malinteresan, tuj verku pli interesan artikoleton kaj sendu ĝin senprokraste al
RED.

## TERMINARA FONDUSO

La ĉi-apuda termometro montras la gradon de kompreno ĉe la IFEF-anaro pri la terminara laboro.

Ni bone komprenas, ke al multaj povas esti nebula afero la terminara laboro. En kongreso post kongreso vi aŭdas pri tio, sed malofte oni vidas konkretajn rezultojn. Tiaj tamen ekzistas. Denove en ĉi tiu IF estas TK-raporto, kaj el tiuj raportoj vi iom post iom akiros certan scion pri la laboro.

De IF 5 ĝis IF 6 la sumo kreskis 7638,00 kr.

Jen la listo de kontribuaĵoj:

| | DKK |
|---|---|
| Antaŭa sumo ... | 970,00 |
| NEFA .......... | 2460,00 |
| E. Herlitze ... | 178,00 |
| Anonime ....... | 5000,00 |
| entute ........ | 8608,00 |

Koran dankon al ĉiuj konsciuloj.

IFEF

DKK
10000
9000
8000
7000
6000
5000
4000
3000
2000
1000

## INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-ASOCIO

**Sekretario:** Otto Rösemann, Ringstrasse 14 D, D-3067 Lindhorst
**Redaktoro:** E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved
**Poŝtĉekkonto:** 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev
**Dana bankkonto:** 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj)
**Svisa bankkonto:** 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn
**Svisa poŝtĉekkonto:** CH 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev




# 38A IFEF-KONGRESO

**17a-23a de majo 1986**

**Skopje, Jugoslavio**

**Konstanta adreso:** 38a IFEF-kongreso,
"Feroturist" pf 270
YU-9100 SKOPJE

**Kiel aliĝi?**

La plej simpla afero: plenumi aliĝilon (prefere: preslitere aŭ maŝine) kaj sendi ĝin al LKK, laŭ indikita adreso. Se vi ne havas originalan aliĝilon, bonvolu peti ĝin de LKK, sed vi povas uzi ankaŭ samformatan paperon aŭ kopion de la originala aliĝilo. La plej grava afero estas ke LKK disponu, kiom eble pli frue, pri viaj bazaj datoj kaj deziroj, kun via subskribo.

Se vi ankoraŭ ne povas decidi kie loĝi (aŭ kiom da noktoj), bonvolu simple sendi aliĝilon sen ĉambromendilo. Tiun alian dokumenton vi povas sendi poste. Sed atentu: kiu rapide agas - plej bone agas. Do, prefere tuj mendu deziratan ĉambron kaj hotel-kategorion, ĉar iuj kategorioj povas rapide elĉerpiĝi.

**Kiel pagi?**

Ankaŭ tio estas tute simpla afero: ĉiu regula maniero estas bona, ĉu per poŝto aŭ per banko (sed ni preferas tiun lastan). Bankkonto:40100-620-16-25730-80 ZTO-FEROTURIST, Stopanska banka, Skopje. Do, neniuokaze sendu monon en simplaj aŭ eĉ registritaj leteroj. Pri viaj pagoj kaj mendoj LKK sendos al vi kvitancon. Oni povas pagi ankaŭ pli ol necese: LKK faros finkalkulon post via alveno kaj vi ricevos vian bonhavon sen problemoj (nur en dinaroj, laŭ la ŝanĝ-kurzo valida je tago de via alveno).

Tio povas esti interesa precipe pro la prezoj de hoteloj kiuj ne povis esti indikitaj precize sed kun certa intervalo. Pro tio vi povas pagi iun certan sumon antaŭe, tio estas okaze de la aliĝo kaj oni poste faros finkalkulon okaze de via alveno. Kompreneble, vi povas pagi hotel-kostojn ankaŭ okaze de via alveno al la stacidomo de Skopje, en kiu funkcios akceptejo kaj monŝanĝejo.

La pagoj okazas kompreneble ne en dolaroj sed en via propra nacia valuto. belgaj, francaj aŭ svisaj frankoj, germanaj markoj, kronoj ktp. La sumoj indikitaj en dolaroj estas nur orientiĝo, do, oni pagas fakte egalvaloron en la nacia valuto (aŭ en dinaroj okaze de la alveno - escepte kongres-kotizon kaj ĉambroperadon kiu inkluzivas ankaŭ bankan provizion kaj tiuj sumoj devas esti pagataj anticipe.

**Kiel korespondi?**

Kompreneble en bela kaj klara Esperanto. Prefere evitu registritajn leterojn, simplaj leteroj estas la plej simpla solvo. Se vi nepre volas havi iun apartan respondon de LKK, bonvolu - se eble - aldoni al via letero internacian respond-kuponon. Ni ripetas: se eble, ĉar LKK ĉiukaze tuj respondos al ĉiu demando.

**Kiel vojaĝi al Skopje?**

Plej simpla solvo estas kompreneble la fervojo. Rektaj trajnoj el eksterlando al Skopje ekzistas el Dortmund (Hellas Express je la 11.20) kaj el Venezia (Venezia Express je la 16.55).

Krom tio ekzistas pluraj rektaj trajnoj el Jugoslavio. Ekzemple:

| | |
|---|---|
| Ljubljana, je la | 0.15, 5.35, 13.55 |
| Zagreb, je la | 2.55, 8.30, 17.00 |
| Beograd, je la | 9.25, 9.50, 14.25 |
| | 14.35, 21.50, 23.45, 23.55 |

**Atentu, atentu:** kiel vi certe jam scias, la kongresa karto validas ki-

el senpaga bileto de la unua klaso sur la tuta reto de Jugoslaviaj Fervojoj (atentu la punkton 9 de Generalaj instrukcioj!). Por la dumnokta veturo ni rekomendas uzon de rektaj dorm- kaj kuŝvagonoj kun jenaj prezoj en dinaroj po lito:

| | kabino | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| | unulita | dulita | trilita | kvarlita | seslita |
| Ljubljana | 3940 | 1566 | 1124 | 699 | 461 |
| Zagreb | 3770 | 1499 | 1062 | 699 | 461 |
| Beograd | 2835 | 1155 | 816 | 699 | 461 |

Kompreneble, la prezoj povas intertempe ŝanĝiĝi, sed la eksterlandanoj profitos ankaŭ kurzo-ŝanĝojn (se ili aĉetas biletojn en Jugoslavio) kaj la diferencoj ne povas esti grandaj.

Ni klopodas organizi kolektivan vojaĝon el iu okcident-eŭropa urbo (Munkeno, Frankfurto aŭ simile) per aviadilo aŭ per trajno (kuŝvagono). Pli precizaj informoj pri tiu ebleco aperos meze de februaro 1986 (se necese). Se vi havas intereson pri tia karavano bonvolu mencii tion jam okaze de la aliĝado. Pri la afero zorgas nia prezidanto persone: J. Giessner, An der Nicolaischule 3, D-3420 Herzberg (FRGermanio), kiu ankaŭ povas doni ĉiujn necesajn informojn.

Se vi volas **flugi** al Skopje, ni rekomendas al vi fari tion trans Beograd kiu havas plurajn ĉiutagajn flug-koneksojn kun Skopje.

Se eble, bonvolu indiki la daton kaj horon (trajnon aŭ flugon) de via alveno al Skopje.

**Fakprelego**

Por la fakprelego ni elektis jenan temon: Transporta merkato de facile pereeblaj varoj - Komuna aktiveco de eŭropaj fervojoj en kadro de la societo INTERFRIGO. La aŭtoro estas mgro Gvozden SREDIĆ, bone konata al nia faka publiko pro pluraj publikaĵoj kaj prelegoj.

**Atentu, atentu: ekskursoj**

LKK decidis savi iom da via mono: la dimanĉa duon-taga ekskurso estas senpaga! Krom la vidindaĵoj de la urbo Skopje mem, oni vizitos ankaŭ ĝian ĉirkaŭaĵon: preĝejojn, monaĥejojn, kanjonon de la rivero Treska kaj restaĵojn de la antikva urbo Skupi, detruita per la katastrofa tertremo en la jaro 518.

**Cetere:** la kongresa karto validas kiel senpaga bileto por la urba trafiko kaj senpaga enir-bileto por ĉiuj muzeoj kaj art-galerioj de Skopje.

La duon-taga ekskurso (mardon, la 20an de majo) havas kiel celon antikvan urbon Stobi kaj sennombrajn vinberejojn de TIKVEŠ en kies keloj oni havos okazon gustumi bonegajn (sed malmultekostajn kaj tut-certe naturajn) vinojn: "kratoŝija" (ruĝa), "belan" (blanka) k.a. La vojaĝo okazos plej verŝajne per aparta trajno ĝis la urbeto GRADSKO (110 km sude de Skopje) kaj poste per aŭtobusoj (trideko da kilometroj).

"La perlo" de nia ekskursa aktiveco estas lago OHRID kie oni povas favore aĉeti ankaŭ verajn perlojn! Ankaŭ tiun ekskurson (ĵaŭdon, la 22-an de majo) ni planas fari parte per trajno (ĝis la urbo KIĈEVO) kaj parte per busoj. Detalojn pri tiu nepre vizitinda ekskurscelo ni aperigis en nia INVITO. En ĉiu buso troviĝos lerta ĉiĉerono kaj - surprizo (kiun malkovros kompreneble nur partoprenantoj).

**Nia slogano**

La 38a IFEF-kongreso okazas, kiel konate, en la jaro kiu estas flanke de UN proklamita kiel internacia JARO DE PACO. Pro tio ni elektis jenan kongres-sloganon:

**FERVOJO KAJ ESPERANTO**
**- PONTOJ DE PACO INTER POPOLOJ**

En tiu senco ni klopodos prepari apartan rezolucion kaj aliajn programerojn. Se vi havas iun interesan ideon pri tiu temo, bonvolu senhezite komuniki ĝin al LKK, kiu prizorgos ĝian realigon (en kadro de objektivaj eblecoj).

**Kongresa programo**

Principe validas la Provizora programo aperigita dorsflanke de la ĉambro-mendilo kaj en IF 5/1985 paĝo 67. Tiu programo estas nun detaligata laŭhore kaj estos aperigita kiel kutime en INTERNACIA FERVOJISTO, aŭ en nia Dua bulteno (se ĝi aperos). Se vi bezonas iun specialan spacon en la programo (validas precipe por la gvidantoj de diversaj komisionoj) aŭ se vi havas iun alian ideon pri la programo, bonvolu tuj skribi al LKK, kiu klopodos konsideri ĝin okaze de la fiksado de definitiva kongres-programo.

**Di-servo**

Okazos ekumena di-servo, dimanĉon, la 18an de majo, je la 8a horo. Gvidos ĝin sac. Franjo Gjuić el Djakovo kiu kunagis en la di-servo dum la ĉijara Universala kongreso en Augsburg.

**Glumarkoj**

Glumarkoj estas mendeblaj ĉe LKK. La prezo: 5 pecoj por unu dana krono (DKK) aŭ egalvaloro, pagebla ekzemple kune kun la aliĝkotizo aŭ je alveno en Skopje.

**Postkongresa programo**

Fervoja pasaĝera agentejo FEROTURIST (kiu teknike prizorgas nian kongreson) ofertas al vi plurajn alternativojn de unu- kaj dusemajna post-kongresa programo. Ekzistas eblecoj sub tre favoraj kondiĉoj viziti la plej interesajn lokojn en SR Makedonio.

LKK




Skopje - stacidoma kajo

## PLEJ NOVAJ INFORMOJ PRI LA 38A IFEF-KONGRESO SKOPJE

**1. Vojaĝo al Skopje.** Ne eblas organizi apartan karavanon per aviadilo. Sed por plifaciligi la vojaĝon, LKK intencas sendigi du apartajn kuŝvagonojn al antaŭvideble München kaj Stuttgart, kiuj rekte trafikos al Skopje per jenaj trajnoj: "Hellas-ekspreso" D 411 ĵaŭdon 15.5. 1986 de Stuttgart 18.25, de München 21.38, alv. Skopje vendredon 16.5. 22.02, resp per "Akropolis" D 291 vendredon 16.5. de München 8.16, alv. Skopje sabaton 17.5. 8.33. Ĉiu persono, kiu intencas uzi unu el tiuj kuŝvagonoj, bv. anonci sin baldaŭ, sed ĝis plej malfrue 31.3. laŭ kutima maniero ĉe fervoja giĉeto aŭ kompetenta vojaĝagentejo kaj **aldonu al la mendo en germana lingvo "für Gruppenreise"**. La lokojn en Hellas-ekspreso eblos mendi ankaŭ ekde München. Krome sendu poŝtkarton same ĝis plej malfrue 31.3. al la IFEF-sekretario kun informo pri tiu mendo, por ke ni povu **laŭeble** certigi veturadon en la koncerna vagono. Kun tiu informo vi ankaŭ povos provizore sciigi, se vi intencas **rekte** reveturi post la kongreso, ĉu vi ŝatos uzi trajnon 410, Hellas-ekspreso, Skopje ekv. sabaton 24.5. 9.30 h, München alv. dimanĉon 25.5. 10.10 h. La adreso de la IFEF-sekretario estas Otto Rösemann, Ringstrasse 14 D, D-3067 Lindhorst. Kompreneble en la trajnoj krome trafikos la laŭplanaj kuŝ- kaj litvagonoj.

Tiujn apartajn vagonojn la fervojo nur disponigos, se anoncos sin sufiĉe da interesuloj. La normalaj kuŝvagonoj en tiuj du trajnoj ĉiam estas forte okupataj de grekaj kaj jugoslavaj gastlaboristoj kun familioj. Pro tio la vojaĝo en la apartaj vagonoj estas tre rekomendinda, precipe por kongresanoj el Skandinavio, Nederlando, Belgio, Francio, Britio kaj FR Germanio. Kiu mendos post la 31.3., povos havi lokon en la apartaj vagonoj nur, se ankoraŭ je dispono. Dezirojn por la revojaĝo **post** la kongreso LKK notos de ĉiu kongresano tuj post alveno, por eventuale povu disponigi apartan vagonon.

Kongresanoj,kiuj antaŭ la kongreso jam estos en Jugoslavio, havos jenajn rektajn trajnojn **en** Jugoslavio:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Ljubljana | ekv. | 0.15, | 5.35, | 13.55 |
| Zagreb | ekv. | 2.55, | 8.30, | 17.00 |
| Beograd | ekv. | 9.25, | 14.35, | 23.45 |
| Skopje | alv. | 16.35, | 22.02, | 7,10 |

Kromaj trajnoj de Beograd al Skopje estas:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Beograd | ekv. | 14.25, | 21.50, | 23.55 |
| Skopje | alv. | 21.22, | 5.55, | 8.33 |

Ciuj tiuj trajnoj (krom Beograd ekv. 14.25) havas kuŝvagonon, parte ankaŭ litvagonon. La prezoj en tiuj intern-jugoslavaj vagonoj estas konsiderinde pli malaltaj ol en la internaciaj vagonoj.

Pri la ekzakta validodaŭro de la kongreskarto kiel libera bileto informo sekvos tuj, kiam ĝi estos konata.

Por flugado estas rekomendinde preni la vojon tra Beograd, kiu ĉiutage havas kelkajn koneksojn kun Skopje.

**2. Loĝigo.** Laŭ nova traktado LKK povas jen korekti la prezojn, publikigitajn en la aliĝilo kaj en "Internacia Fervojisto" 5/85. Ili estos laŭ US-dolaroj por tranoktado kaj matenmanĝo po persono en hotelo kategorio

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| A | banejo/duŝo/WC | 2lita | 21, | 1lita | 24 |
| B | " aŭ " /WC | " | 14, | " | 18 |
| C | " aŭ " /WC | " | 13, | " | 17 |

La ĉambroj estos pagataj en dinaroj laŭ la taga kurzo. Nepre informu vin, kiom da dinaroj vi rajtos kunporti. Principe oni ŝanĝu la hejman valuton **en** Jugoslavio, kie krome la kurzo estas pli avantaĝa. LKK klopodos, laŭ eble ankoraŭ iom reduktigi

la prezojn. Entute la prezoj por manĝaĵoj kaj trinkaĵoj estas moderaj.

3. **Ekskurso.** LKK ŝatas savi iom da mono de la kongresanoj kaj liveros la unuan duontagan ekskurson (urbo kaj ĉirkaŭaĵo) senkoste.

4. **Aliĝo.** Bonvolu nun aliĝi kiel eble plej baldaŭ, por ĝui la pli malaltan kongreskotizon kaj por plifaciligi al LKK la laboron. Kiu pli frue aliĝos, havos la ŝancon loĝi en hotelo favore situanta.

5. **Postkongresaj aktivecoj.** Antaŭvideble en IF 1/86 aperos konsiloj flanke de la vojaĝagentejo "Feroturist" pri allogaj vidindaĵoj en Jugoslavio kaj la eblecoj atingi ilin.

LKK/IFEF

## KONGRESPREPAROJ EN SKOPJE

Komence de novembro la prezidanto de IFEF, Joachim Giessner, estis du tagojn en Skopje, por informiĝi pri la loka situacio kaj por pritrakti kun LKK kelkajn ne jam solvitajn problemojn. Ĉefaj partoprenantoj flanke de LKK estis ties prezidanto kaj sekretario R. Curkoski kaj C. Taleski, krome G. Sredić (vicpr. de JAFE), S. Kocevski (prez. de JEL) kaj V. Karanfilski, LKK-ano.

LKK organizis kunvenojn ĉe gravaj por la kongreso personoj, nome la ĉefdirektoro de la fervoja direkcio Skopje, kiu ankaŭ estas fervora protektanto por la kongreso, ĉe la prezidanto de la partia organizo, ĉe la vicprezidanto de la registaro kaj ĉe la urbestro de Skopje. Ĉiuj estis informitaj pri la momenta stato de la preparoj kaj pri la fervojista Esperanto-movado. Estis prezentitaj al ili pluraj proponoj, por kies plenumo necesos ilia subteno. Ili akceptis ilin senescepte kaj promesis sian ĉiu flankan helpon.

Krome okazis kunvenoj en diversaj hoteloj kun ties direktoroj kaj vizito de la kongresejo, belega ofizirkazino, pri kiu la kongreso povos disponi tutan semajnon. Dum preskaŭ ĉiuj kunvenoj ĉeestis ankaŭ aliaj gravaj personecoj de diversaj instancoj kaj de la turista organizo "Feroturist", kiu estas esenca faktoro en planado kaj organizado de la kongreso, precipe loĝigo kaj ekskursoj.

En du laborkunsidoj estis traktitaj la programo kaj ĉiuj aliaj necesaj punktoj.

Pri la vizito de la IFEF-prezidanto kaj la kunvenoj jam la duan tagon aperis artikoloj en la loka gazetaro kaj raportis la radio. Krome la duan tagon okazis du intervjuoj de Giessner kaj Sredić flanke de Radio Skopje kaj de TV Makedonio.

Pri la momente plej gravaj rezultoj de tiuj kunvenoj bv. legi "Plej novaj informoj" en tiu ĉi sama numero de IF.

Raportis Giessner

Претседателот на РК ССРНМ, **Бурхан Адеми,** вчера прими делегација на Организациониот одбор на 38-от Конгрес на Меѓународната железничарска есперантистичка федерација предводена од претседателот **Јоаким Гиснер.** Конгресот ќе се одржи во Скопје од 17 до 23 мај 1986 година.

Skopje-a gazeto raportis

## TK-RAPORTO

Fine de septembro aperis la Terminara Kuriero 52 (TeKu 52). Estas informilo por ĉiuj Terminaraj Kunlaborantoj. Kutime oni legas sur la unua paĝo de TeKu ĝeneralajn informojn sub "Nia situacio".

Ĉifoje legiĝas sub tiu titolo, ke oni povas konstati, ke nia situacio ne estas malbona: La tuta litero "A" (934 nocioj) de la leksikono jam estas storita, do jam metita en la komputilon. Nia kunlaboranto s-ro Rafael Devis el Hispanio transprenis

la taskon komputile registri nian tradukaĵon. Problema ankoraŭ estas la programado por starigi komputile la indekson. Tio estas: ordigi ĉion laŭ la Esperanto-alfabeto. La leksikono, kaj per tio nia tradukaĵo, estas aranĝita laŭ la franca lingvo; ĝi estas la gvidlingvo.

Niaj hungaraj kunlaborantoj jam informiĝis pri la presado de la leksikono kaj prezentis tre taŭgan oferton.

En la antaŭa TK-raporto vi legis pri la kontrolo de la tradukaĵo laŭ fakvortaj temoj. Fakvortaj kunmetaĵoj estis dissenditaj kaj la Terminaraj Kunlaborantoj tre vigle partoprenis kaj kontribuis al la perletera diskuto. Precipe menciinde estas, ke niaj "veteranoj de la unua horo" s-ro Jean Bipp (CH) kaj inĝ. Jaromir Rebiĉek (CS) ankoraŭ ĉiam konsilas kaj helpas en nia laboro. Ni estas dankaj al ili!

Minacas ankoraŭ la kvara eldono de la UIC-leksikono. Evidentiĝas, ke multaj nocioj el nia tradukaĵo de la tria eldono forfalos pro eksmoderniĝo kaj multaj novaj fakvortoj aperos. La evoluo sur ĉiu tereno estas ja okulfrapa.

Ni tre esperas, ke ni baldaŭ povos aktualigi nian tradukon laŭ la nova eldono de UIC, kiun ni ricevos helpe de s-ro Gernot Ritterspach, por ke Esperanto estu plej ĝisdata!

Dieter Hartig
Redaktoro TeKu

## LA POLOJ DENOVE KUNVENIS

La 21an kaj 22an de septembro 1985 la Fervojista Sekcio de Pola Esperanto-Asocio aranĝis en Swidnica sian 2an jarkunvenon, en kiu partoprenis pli ol 100 gekolegoj kaj gastoj el CS, GDR kaj H. Krome ĉeestis flanke de l'IFEF-estraro ties prezidanto Giessner kaj sekretario Rösemann. En la laborkunsido parolis reprezentantoj de partio, urbo, vojevodio, fervojo kaj PEA, ĉiuj pozitive menciante kaj juĝante la daŭrajn klopodojn de la fervojistoj esperantistoj por paca interkompreniĝo. La IFEF-prezidanto tuŝis en sia parolado la gravajn taskojn, kiujn transprenis la polaj kolegoj kun la preparado de la 39a IFEF-kongreso en la jubilea jaro de Esperanto. Nome de la IFEF-estraro li transdonis la kantlibron "Adoru kantante", kiel kontribuon de IFEF por la preparlaboroj de la kongreso. La sekretario R. Pralat detale informis pri la asocia agado de la pasinta jaro.

En la programo krome kultura prezentado de ĉefe geinfanoj, balo kun bedaŭrinde terure laŭta disko-orkestro kaj interesa ekskurso al granda, malnova kastelo kun bredejo de belegaj ĉevaloj. Tre agrable estis, ke la gvidantino tie ĉion klarigis en bona, flua Esperanto.

En Swidnica kaj en la antaŭaj tagoj okazis en Katowice kaj Jaszoviec kunvenoj, en kiuj partoprenis la prezidanto de FSPEA, W. Rózankowski kaj aliaj gvidantoj resp. LKK-anoj, foje la ĉefdirektoro de la direkcio Katowice, inĝ. A. Rodak kaj la IFEF-prezidanto kaj -sekretario. Temoj estis la ĝenerala preparado de la 39a IFEF-kongreso, la elekto de afiŝo, glumarko, insigno kaj speciala koverto el inter diversaj skizoj, vizito de la kongresejo, kontaktoj kun turista organizo ktp. La ĉefo de la direkcia radiostacio en Katowice intervjuis la IFEF-prezidanton pri la kongrespreparado kaj ĝenerale interesaj problemoj de la fervojista movado.

La ĝenerala impreso estis, ke la polaj gekolegoj verve laboras por organizi taŭgan kongreson kaj havas plenan subtenon de la kompetentaj fervojaj instancoj kaj de la ministro mem.

Gi






Veturdeĵorejo Prrenjas

## FERVOJA STUDVOJAĜO AL ALBANIO

De Walter Ullmann, FRGermanio

Ne miskomprenu ĉi tiun titolon, karaj legantoj, estas ne jam eble vojaĝi per fervojo al Albanio. La studvojaĝo, kiun la aŭtoro povis partopreni, celis konatigi la fervojojn de Albanio, sed la 25 personoj, Germanoj, Aŭstroj, Sviso - inter ili 5 fervojistoj - flugis ĝis Titograd, de tiu uzis jugoslavan aŭtobuson ĝis la landlimo, piede translimiĝis (ĉ. 300 m) kaj eniris albanan aŭtobuson. La fervojon ili nur uzis de Prrenjas ĝis Pogradec apud la lago de Oĥrid. Organizanto de la studvojaĝo estis la Societo por german-albana amikeco, la aranĝo daŭris 16 tagojn (24. 08. - 08.09.1985).

Por bone kompreni la geografian situon kaj la tutan temon estas rekomendinde relegi, kio aperis en IF 5-6/82 kaj 6/83.- En Albanio ekzistas nur unutrakaj fervojlinioj. La Kvinjara Plano por 1986-1990 antaŭvidas nek la kreadon de dutrakaj linioj nek elektrizadon. Planitaj novaj linioj estos konstruataj en alia regiono ol antaŭe projektite.

Dum nia vojaĝo ni ja rajtis fotografi trajnojn, lokomotivojn (estas preskaŭ nur la ĉeĥa dizelotipo CKD), pontojn, staciojn, kvankam tio en orienteŭropaj landoj ĝenerale estas malpermesita. Sed ŝajnas, ke Albanio estas alia - ankaŭ tiurilate.

Nia grupo havis la eblecon viziti la sekvajn staciojn: Tirana, Durres, Rrogozhina, Fier, Prrenjas, Shkoder kaj Vlora. En Prrenjas kaj Shkoder ni estis oficiale akceptitaj far la staciestro kaj la ĉefo de la fervoja distrikto kaj far fervojistoj, kiuj estis tre ĝentilaj kaj helpemaj. Oni ofertis manĝaĵojn kaj trinkaĵojn kaj en Prrenjas ĉiu ano de nia grupo ricevis fervojan ĉapon.

Post la akcepto en Prrenjas, kie ni ankaŭ vizitis la deĵorejon de la trajntrafikestro, ni veturis per pasaĝera trajno en speciala vagono al Guri i Kuq, antaŭurbo de Pogradec. Akompanis nin kolegoj el la direkcio en Tirana, kiuj pretis respondi al niaj demandoj. Trapasinte la plej longan fervojan tunelon (pli ol 3000 m) de Albanio tra la monto Thana, ni ekvidis antaŭ ni la lagon de Oĥrid, celo de la tuttaga ekskurso dum la 38a IFEF-kongreso en 1986.

En la urbo Vlora ni vizitis la novan stacion. Ĝi ne jam estis inaŭgurita, sed la laboroj tie estas antaŭ la fino. Tie ĉi estas la plej suda punkto de reloj en Albanio. Antaŭ ol atingi la stacion Vlora ni trapasis la varstacion Narta kaj vidis tie la kampon de junularaj brigadoj, kiuj finlaboris kelkajn tagojn antaŭ nia alveno la linion inter Fier kaj Vlora (34 km).

Post tiu vizito ni persvadis niajn gvidantojn pri la nepra neceso rigardi la etŝpuran fervojon inter uzinoj en Vlora kaj Selenica el la jaro 1922. Oni konsentis. En la stacio Babice ni trovis eĉ vaporlokomotivon kaj oni veturigis nin per etŝpura varvagono ĉirkaŭ 500 metrojn kaj reen. La tuta linio estas 23 km longa, la ŝpuron mi mem mezuris: 600 mm (la indikon en IF 5-6/82 mi do korektas).

En nia hotelo en Durres okazis interparolado kun 2 specialistoj el la tiea fervoja direkcio, inter ili Bashkim Bedo, la vicdirektoro. Oni rakontis al ni, ke la venonta Kvinjara Plano antaŭvidas la konstruon de fervoja linio de Milot (inter Lac kaj Lezha) al Klos tra Rreshen. Do la aliaj planoj (Pogradec - Korca kaj Ballsh - Gjirokaster) ne realiĝos.

**Pri la situacio je la landlimo.**

La albana parto de la fervojlinio estis finkonstruita jam la 11.01. 1985. Oni ĝin inaŭguris kune kun delegacio el Jugoslavio. Ni vidis la finon de la albana trako vidalvide de la albana doganejo Hani i Hotit. Ĝis tie veturis lokomotivo kun varvagono, kiel pasaĝeroj tamen nur soldatoj. Je la jugoslava flanko oni laboris en direkto al la limo, la trakbazo estis jam preta ĝis la landlimo, reloj mankis nur ĉ. 500 m (08.09.1985). Oni do povas atendi baldaŭan kunligon de la du retoj, eble ĝi jam okazis, kiam aperos tiu ĉi artikolo. Ĉu pasaĝertrajnoj trafikos inter Beograd kaj Tirana? Certe ne, ĉar Albanio nur aliĝis al CIM, ne al CIV. Oni kalkulas pri 1 vartrajno potage. La landlimaj stacioj estos Bajza en Albanio kaj Tuzi en Jugoslavio. La albanaj trajnoj veturos ĝis la jugoslavia limstacio kaj inverse. Interkonsenton pri la trafikplenumo oni subskribis en Beograd la 01.06.85.



Stacidomo Prrenjas

La komerca rapideco de la trajnoj en Albanio estas ĉ. 60 km/h, projektite estas atingi 80 km/h. Pasaĝertrajnoj konsistas el 9 ĝis 10 vagonoj kaj pakaĵvagono, Ofte oni renkontas vagonojn (multajn poldevenajn), kiuj ankoraŭ portas la signon D H (**d**r**e**jtoria **h**ekurudhe = direkcio de la fervojo), sed la oficiala mallongigo nun estas HSH (**H**ekurudha **Sh**qiptar = Albana fervojo).

La reto de HSH nuntempe konsistas el ĉ. 450 km. Ek de 1971 ekzistas elektra signalilsistemo. En 1975 komenciĝis la produktado de kvaraksaj varvagonoj en Durres. Por la trakoj oni uzas nur lignajn ŝpalojn, ek de 1986 ankaŭ ferbetonajn. La reloj pe-



Vaporlokomotivo manovrante en Shkozet ĉe Durres

zas 44 ĝis 50 kg kaj longas inter 12,5 ĝis 25 m. Sur la nova linio Fier-Vlora estas antaŭvidita la inaŭguro de pasaĝera trafiko, vartrafiko jam funkcias tie. Supozeble tio okazos je la 16.10.85, la naskiĝdato de la iama partia ĝeneral-sekretario Enver Hoxha.

Jen la ĉiutaga trajnfrekvenco:

| | |
|---|---|
| Tirana - Pogradec | 2 x |
| Tirana - Shkoder | 2 x |
| Tirana - Fier unu rekte ĝis Ballsh | 4 x |
| Tirana - Durres | 8 x |
| Fier - Tirana | 4 x |
| Durres - Pogradec | 2 x |
| Durres - Shkoder tra Tirana | 2 x |
| Durres - Fier (1 ĝis Ballsh) | 4 x |
| Durres - Tirana | 6 x |
| Fier - Ballsh | 3 x |

Pasaĝertrafiko inter Shkoder kaj Bajza estas antaŭvidita ankoraŭ por 1985.

En la stacio de la ĉefurbo Tirana ni havis la eblecon grimpi sur dizelan lokomotivon kaj paroli kun la lokomotivestro. Tiu finstacio havas nur unu kajon ĉ. 7 m larĝan kun du trakoj. Le veturdirekton de la trajnoj oni markas per lum-sagoj je la unua kolono. Stacidomo tie ne ekzistas. La biletojn oni vendas el kiosko antaŭ la barilo. Gi estas ĉ. 7 x 2 m granda kun kvin "truoj" 40 x 40 cm en unu flanka muro, tra kiuj oni vendas la biletojn. Temas pri zonaj biletoj. Oni rakontis al ni, ke kutime oni preferas aĉeti biletojn por la venonta tago. Pro tio la biletoficejo en Elbasan situas ĉirkaŭ 1 kilometron antaŭ la stacio, preskaŭ en la urbomezo. Sed ekzistas ankaŭ ebleco aĉeti biletojn lastminute. Jen ekzemploj pri vojaĝprezoj:

Tirana - Durres (37 km) 4,50 lekoj
Tirana - Elbasan (116 km) 8,50 lekoj

Nuntempe 100 DEM egalas al 220 lekoj.

Bedaŭrinde la antaŭvidita vizito al lokomotiv-prizorgejo en Durres ne okazis. Proksime al nia hotelo en Durres en la stacio Shkozet, manovradis vaporlokomotivo de tipo TKt 48, grandega ĝojo por la lokomotivamikoj el nia grupo.

La ĝisnuna slogano "turisto en Albanio ne veturas perfervoje" nun eksvalidiĝis, ĉar nia grupo ja vojaĝis per la Albana fervojo kun granda plezuro. Kaj ni volas danki per tio al niaj albanaj kolegoj, kiuj ebligis tiun studvojaĝon.



## RAPORTO PRI LA KUNVENO "MOVADAJ AFEROJ" DUM LA 37a EN VEJLE

En ĉeesto de trideko da personoj reprezentantaj 10 landojn (Aŭstrio, Belgio, Britio, Danlando, Finnlando, Francio, FR Germanio, Hispanio, Italio, Svedio) kaj de s-roj Giessner kaj Rösemann, la 22an de majo okazis en salono BLONDEAUX kunveno pri movadaj aferoj, laŭ decido de la komitato, kiu aprobis en Oostende specifan proponon prezentita de IFEA. Gvidis ĝin d-ro Alberto Menabene, kiu substrekis la gravecon de interŝanĝo da informoj, spertoj kaj konsiloj pri eventualaj rezultoj atingitaj (kaj eble atingeblaj) en propra lando ĉe fervojaj instancoj, fervojaj organizaĵoj k.s.

Oni menciis, interalie, la brilan sukceson de Hungara Fervojista Esperanto-Asocio, kiu nun havas je sia dispono - je plena tempo - unu fervojiston (s-ron János Patay) pagitan de la hungara fervojo.

Menabene substrekis la neceson, laŭ itala sperto, ke la aktivaj fervojistoj en sia agado ĉe FISAIC-sekcioj, sindikatoj, fervojistaj organizaĵoj kiel AEC, neniam parolu komence pri Esperanto: nepre ili devas peti ke la organizaĵo alfruntu per publikaj debatoj la eŭropan (kaj internacian) lingvan problemon. Se oni sukcesas en tio, el la diskuto leviĝas aŭtomate la neceso de la solvo, kiu ne povas ne esti neŭtrala kaj supernacia (tio estas, Esperanto).

Oni konsilis peti la publikigon de artikoloj pri la lingva problemo en la gazeto de la koncerna organizaĵo: Menabene metas je dispono de la diverslandaj esperantistoj serion da artikoloj en Esperanto taŭgaj por sindikatoj; estas disponebla ankaŭ la serio de artikoloj publikigitaj en la ĵurnalo de la Itala Socialista Partio. Ili ŝajnas aparte gravaj, kiel pruvas la fakto, ke pere de ili estas naskiĝonta en Italio interpartia komitato pri la lingva problemo. La artikoloj haveblas en la lingvoj itala kaj franca kaj, baldaŭ, ankaŭ en Esperanto.

La interesitaj esperantistoj petu ilin ĉe Menabene, kies deĵoradreso estas: FS, ISTITUTO SPERIMENTALE (dr MENABENE) Roma.

Oni petis ke, ekde la venonta kongreso en Skopje ĉiu landa asocio partoprenu en la kunveno pri movadaj aferoj kun reprezentanto, kiu raportu al la ĉeestantoj pri eventualaj atingoj en sia lando, kaj sciigu poste al sia asocio pri la alilandaj atingoj pri kiuj li aŭdis en la kunveno.

Alberto Menabene

## ESPERANTO-EKSPOZICIO EN SCHWELM

La fervojista Esperantogrupo en Schwelm (FR-Germanio) okazigis Esperanto-ekspozicion en la enirhalo de la distriktdomo de la 15a de julio ĝis la 15a de oktobro 1985. En unu el la tri vitrinoj oni vidis la gramatikon de la internacia lingvo kaj la 22 Esperantogazetojn, kiujn regule ricevas la Esperantogrupo el tri kontinentoj, inter ili 7 de fervojistaj Esperanto-societoj.

En alia vitrino estis Esperanto-instrulibroj, vortaroj kaj oficialaj informlibroj en Esperanto el diversaj landoj. Oni ankaŭ atentigis pri la Esperanto-elsendoj de Radio Bern, Peking, Romo, Vatikano, Varsovio kaj Wien.

La tria vitrino estis dediĉita al Ĉinio, kie okazos en 1986 la Universala Kongreso de Esperanto. Oni vidis ĉinajn Esperanto-librojn, kalendarojn, flagojn, insignojn, leterojn kaj 2 ekzemplerojn de la gazeto "El Popola Ĉinio" kun artikoloj de Schwelma Esperantisto. Komence de septembro oni aldonis leteron de la unua ĉina Esperanto-kongreso en Kunming de la 23a ĝis la 29a de aŭgusto kun la unua ĉina Esperanto-poŝtstampo. Pro tio kaj pri la plilongigo de la ekspozicio la gazetoj denove raportis. Entute en la kvar regionaj gazetoj aperis 8 artikoloj kun 4 bildoj pri la ekspozicio, unu el ili ankaŭ pri la Fervojista Esperanto-Asocio. Miloj da homoj povis vidi la ekspozicion, al kiu atentigis la grandaj afiŝoj pri la UK en Augsburg antaŭ la vitrinoj.

## LITERATURA KONKURSO "BONVOJAĜU"

Lige al la 33a IFEF-kongreso en Regensburg 1981 okazis Literatura Konkurso pri fervojaj temoj, kiu rezultigis kajeron "La Verda Relo".

Por provi daŭrigi la sukceson IFEF invitis al dua Literatura Konkurso okaze de la 37a IFEF-kongreso en Vejle 1985: "BONVOJAĜU".

La rezulto estas 29 kontribuaĵoj de 24 aŭtoroj/tradukintoj el 9 landoj.

S-ino Elfriede Kruse estis ankaŭ ĉifoje la sekretario kaj prizorganto de la konkurso. Juĝa Komisiono estis s-roj Willi Brandenburg, Giancarlo Gimelli kaj Gvozden Sredić.

Ili aljuĝis tri premiojn:

- originala prozo = "Infanaĝaj memoroj" de Germaine Lemonnier, Francio,
- originala poezio = "Krislonge" de Wojciech Jacek Usakiewicz, Pollando,
- tradukita prozo = "La sekreto de la unua klaso" en la traduko de Burkard Bös, FRGermanio.

Kvazaŭ "konsolan premion" ricevis Manfred Retzlaff, FRGermanio por sia tradukita poeziaĵo "Mizera herbeto" kaj Zlatko Curić, Jugoslavio, por sia surkaseda originalaĵo "Bonvojaĝu".

Laŭ niaj eblecoj ni publikigos en IF kelkajn el la kontribuaĵoj, kaj jam ĉi tie la unuaj:

## LA SEKRETO DE LA UNUA KLASO

Sur la malgranda fervojo je la okcidenta deklivo de la Kordileroj regis granda bruo. Nudpieda oficisto kun sia ruĝa lakleda ŝultrorimeno vigle mangestis kaj ĉiam ankoraŭfoje rapidis ĉirkaŭ la mallongan veturpretan trajnon. "Eniru! - Eniru! -"

La eksportkomercisto Bermann rigardis malaprobe tion, kio prezentis sin al li kiel trajnon: fumeganta prahistoria lokomotivo antaŭ nur unu malnova vagono kun plata tegmento, havante ambaŭflanke nur unu fenestron kaj antaŭe kaj malantaŭe unu pordon, sed ne kupeojn. Sub la malalta plafono estis streĉitaj du dikaj kabloj. "Kie estas la unua klaso?" La nudpieda mestizo saltis serveme al unu de la vagonpordoj kaj diris: "Mi petas, sinjoro!" Bermann hezitante eniris. Duon-nudaj indiĝenoj - indianoj kaj mestizoj de ambaŭ seksoj - plenigis la vagonon. Terura bruo da ĉiuspecaj voĉoj akceptis lin. Li ne povis kompreni, kial oni lin demandis, kiam li aĉetis la bileton, en kiu klaso li dezirus veturi, ĉu en la unua, dua aŭ tria, kvankam ĉi tiu stranga trajno nur konsistis el antaŭdiluvia lokomotivo kaj el nur unu rompiĝema vagono. Sed jam kriis la konduktoro: "Mi petas por unua klaso liberigi sidlokon!" Aha, Bermann pensis, pasaĝeroj de la unua klaso povas pretendi sidlokon! tiuj de la aliaj klasoj havas la rajton - ne - devas stari kaj povas alkroĉiĝi je la kabloj.

"He, ĉu fakte tio estas la kupeo por unua klaso?" la ruĝlakito jesis rapideme kaj aldonis orakole: "Sinjoro tion spertos." Poste li deturnis sin, ŝovis fajfilon en la buŝon, akrasone fajfis kaj la trajneto ekveturis. Bermann fordonis sin al sia sorto, post kiam li vane cerbumis pri tio, kion oni prezentis al li kiel unuan klason, kaj pri la signifo de la parolo "Sinjoro tion spertos."

La trajno veturis. Kaj kiel ĝi veturis! Kiam la tereno estis ebena aŭ ec dekliva, ĝi skuis sin kaj rapidegis kiel sovaĝiĝinta droŝka ĉevalo tra la pejzaĝo. Poste, kiam malgranda monto devis esti surgrimpita, ĝi ĝemegis kiel olda viro kaj havis la rapidecon de raŭpo. Kun grandega fumproduktado kaj timiga siblado ĝi venkis unu meandran kurbiĝon post la alia ĝis ĝi duonvoje supren al altaĵo tute perdis la spiradon kaj fine haltis.

Lokomotivestro, hejtisto kaj konduktoro kuris laŭlonge de la vagono.

La konduktoro ŝirmalfermis la pordon: "Mi petas, eliru!"

Jen sinjoro Bermann koleriĝis. "Kion signifas tio?" Post kiam oni en nepardonebla maniero postulis de li multege da mono por la veturado en ĉi tiu rompiĝema vagonaĉo, oni nun ankoraŭ postulis de li eliri el la trajno! - "Kion do vi volas?"

"La malbenita monto, sinjoro," klarigis la konduktoro, kaj tuj aldonis kvietigante: "Sinjoro povas resti sidanta, sinjoro havas unuan klason."

Paŝante malantaŭen li ekkriis: "Unua Klaso restu sidanta! - Dua klaso eliru kaj piede sur la monton! - Tria klaso eliru kaj venu malantaŭ la trajnon por helpi ĝin puŝi sur la monton. - Poste ĉiuj, dua kaj tria klaso, ree envagoniĝu kaj pluen veturu!"

Nun, ja nun Bermann komprenis la signifon de la orakolo: "Sinjoro tion spertos..."

Tradukis: ALADIN (Burkard Bös)

**MIZERA HERBETO**

Okzalo sola apud la
fervoja trako sidis,
kaj, salutante, multe da
entrajnaj homoj vidis.

Perdite glutis fumon ĝi,
de polvo estis griza,
ja estis ĝi ne sen konsci',
la febla tigo ftiza.

Ĝi vidis preterpasi nur
la vagonarojn ĉiam,
vaporo-ŝipon vidis sur
la ocean' neniam.

Joachim Ringelnatz
Tradukis el la germana Johano Maksimiliano (Manfred Retzlaff)

## DÉJÀ-VU

Eble mi ne devus surpaperigi tion ĉi. Iuj povus firmiĝi en antaŭjuĝo, ke parapsikologio rilatas al faktoj. Tamen -

Iam en fora lando mi havis frapantan travivaĵon. Ne gravas en kiu lando okazis - pli gravas, ke mi nur tiun solan fojon trafikis ĝin, kaj certe al neniu alia eblos tie ripeti la unikan eventon.

Unuamatene elirante mian hotelon mi tuj eksentis strangan fenomenon. Iel mi pli frue troviĝis sur tiu ĉi loko. Io familiara ŝvebis en la aero kvazaŭ kun la lumo inter la arboj. Pli ekzakte: Kiam mi turnis miajn paŝojn ĉirkaŭ angulon de modesta strato kun brilblankaj dometoj, mi jam anticipe kaj klare sciis, ke tie tuj riveliĝos ne nur impone muzeaspekta, multkolona fasado, sed ke antaŭ ĝi evoluas bunta foirado. Kaj dekstre, jes kompreneble dekstre, sin erektas monumento digna por la urbo: fontano kun ŝprucanta testudo ĉirkaŭita de gaje vadanta infanaro. Afable, preskaŭ indulge pro mia gapado, min observadis liphara vizaĝo de deĵoranta policisto.

Kiel kaj kial? Cerbumado ne helpis eliri la inkubon. Denove mi trapromenis la saman senelirejon. Vere, Kafka ne vane vivis. Almenaŭ kafkeska senespereco akompanadis min vojaĝe al la hejmlando, hantadis mian fantazion. Finfine, post pluraj jaroj, mi ekdubis, ĉu mi entute promenis iam tra tiu enigma urbero, aŭ ĉu eble mia cerbo trompis min kreante ĝian ekziston.

Longa tempo pasis, kaj multaj banalaj rutinoj preskaŭ forgesigis la mistikan maten-etoson. Tiam mia vojo - hazarde - preteriris artkolekton en la hejma urbo. Ia forto logis min en la muzeon, kiun mi ignoradis ekde la junulaj jaroj. Ne tro vigle mi piedumis tra la salonoj. Tiam vekis min ŝoko: Sur brilblanka muro - en granda formato - plendetale mi revidis la intime konatan urbcentron fremdlandan.

Efektive, ekspozicio povas esti permanenta, encerba. Nature, ĉu?

Nur ke la uniformita muze-gardisto prezentis tiun saman, afablan, indulgan grimacadon lipharan .....

Poul Thorsen

## EL LA VIVO DE HUNGARAJ FERVOJISTAJ ESPERANTISTOJ

1. "Per la kulturo por la paco"! Per tiu ĉi titolo la Fervojista Fakgrupo "Julio Baghy" aranĝis ekspozicion kun la helpoj de Fervojista Sindikato kaj de Budapeŝta Fervojista Sporta Klubo (BVSC) inter la 17a kaj la 20a de septembro. La ekspozicio okazis en la moderna, nova rezidejo de BVSC. La ekspozicion solene malfermis s-ro György Pallos, fakestro (pri kulturaj aferoj) de Fervojista Sindikato.

La ekspoziciitaj materialoj prezentis la internacian kaj enlandan literaturojn de Esperanto, Esperanto-pacmovadon, historion de hungara Esperanto-movado, la gazetaran servon de Esperanto. La materialon aranĝis s-ro Károly Fajszi, kiu havas iun plej signifan privatan kolektaĵon en Eùropo.

Alia parto de la ekspozicio prezentis (sur 16 tabuloj) E-poŝtmarkojn, E-memorstampojn, sporton kaj fervojon per poŝtmarkoj. Tiun aranĝis István Fekete. La ekspozicion vizitis plurcent vizitantoj.

2.Inter la 27a kaj la 29a de septembro okazis la dua parto de pliperfektiga seminario por la gvidantoj de Fervojistaj Fakgrupoj. La seminario okazis en la Fervojista Ripozejo en vilaĝo Gárdony. La seminario havis du gravajn temojn: 1. la preparlaboro de la 1986jara elekto de gvidantoj de hungaraj Esperanto-organizaĵoj; 2. preparlaboro kaj taskoj por la jubileo de Esperanto. Eminentaj prelegantoj prezentis laù la planita programo. La seminarion partoprenis 45 gvidantoj el la tuta lando.

3. La 26an kaj la 27an de oktobro okazis la "Jubileaj Tagoj" de Hungara Esperanto-Asocio (HEA) --- nome antaù 30 jaroj fondiĝis Hungara Esperanto-Societo (HES) kaj antaù 25 jaroj fondiĝis Hungara Esperanto Asocio. Dum la solenaĵo ĉeestis multaj altrangaj politikaj, sindikataj kaj sociaj gvidantoj, ankaù reprezentantoj de eksterlandaj E-organizaĵoj.

Okaze de la solenaĵo la vic-ĉefsekretario de Konsilantaro de Landaj Sindikatoj transdonis distingon al kelkaj elstaraj figuroj de nia landa movado. Inter ili troviĝas ankaù fervojistoj: Ambrus Tóth (veterano) ricevis arĝentan medalon de distingo "Por eminenta sindikata laboro"; Lajos Korsós ricevis honordiplomon de distingo "Por eminenta sindikata laboro"; Szilárd Bálint kaj László Zseni ricevis distingon "Honoriga insigno de Hungara peranto-Asocio". Ni gratulas al la distingitoj!

János Patay

## NEKROLOGO

La Itala Esperanto-Movado perdis unu el la plej malnovaj kaj spertaj pioniroj. S-ino Wanda Sabelli Asquini mortis la 25an de marto en Bologna. Ŝi naskiĝis en Trieste antaù 94 jaroj, esperantiĝis jam antaù la jaro 1911a kaj longe agadis en la vigla Triesta Esperanto-Asocio.

S-ino Sabelli estis membro de IFEA ekde la 30aj jaroj. Ŝi alproksimiĝis al Fervojista Esperanto-movado per la gvidado de kursoj kaj direktado de ekzamenoj de Esperanto ĉe Dopolavoro Ferroviario de Trieste.

Jam dum septembro 1956a ŝi alproksimiĝis al Bologna, ĉar okaze de la neforgesebla Internacia Fervojista Esperantista Ferio-Semajno en Vieno la filino ekkonis fervojiston de Bologna, kiu fariĝis ŝia edzo tiel ke ankaù s-ino Sabelli translokiĝis al Bologna. Ŝi krom membro de la Bologna Esperanto-grupo "Achille Tellini" estis Direktorino de la Bologna Katedro de la Itala Instituto de Esperanto kaj dum multaj jaroj gvidis la ekzamenojn de la Esperanto-kursoj.

Ke ŝi ripozu en Paco!

IFEF

## LA GRANDA KERMESO

Ni venis en Mondon, hazarde, pasie.
Ni tute ne trudis nin por la eniro.
La viv-karuselo nin svingas ebrie
kaj lasas nin sobre sur brua foiro.
Ni flugas senzorge tra tempo junula,
ni plugas tra aĝo matura, regula.
La jaroj severe tiktak-inventaras,
ĝis kvote kaj kvite kaj stumble ni staras,
dum gurdas kaj vibras la vivo sen ĉeso
kiel kanto kaj kirlo de granda kermeso.

Ni lasas la Mondon, hazarde, hezite.
Nur kelkaj petegas pli baldaŭ eliri.
Tumulto de l'tagoj silentas subite,
finita la streĉo sukcesojn aspiri.
Jam vanas subiĝi al novaj postuloj,
rikanas dubeme sardonaj speguloj,
sed floro velkinta plensense odoras,
pasintajn somerojn ni milde memoras,
dum gurdas kaj vibras la vivo sen ĉeso
kiel kanto kaj kirlo de granda kermeso.

Poul Thorsen



J. Demissy

## FERVOJA KORESPONDA SERVO

Senhezite inskribiĝu vin ĉe

**Fervoja Koresponda Servo (F.K.S.),**

J. Demissy, 18 Avenue du Lieutenant Bourguignon,
F-55600 Montmedy.

Indiku viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj.

Aldonu internacian respondkuponon (aŭ francajn poŝtmarkojn) por ĉiu dezirata korespondadreso.

Ciu subskribint(in)o certigu respondi almenaŭ unu fojon!

## ENHAVO



Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos en januaro, estas: 10.12.1985

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved